2.ª Ep. AÑO XIII N.º 72 (209) MAYO - JUNIO 1975




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# LERIDA KONGRESURBO POR 1975

Urbodomo

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

*Director:*
Domingo Martínez Benavente
*Redacción y Administración:*
Inés Gastón
Paseo Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
ZARAGOZA

*ADRESOJ*

Federación Española de Esperanto
(Hispana Esperanto-Federacio)
Oficina Central:
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Prezidanto:
S-ro Angel Figuerola Auque
Str. Víctor de la Serna, 19, 7.º
MADRID-16

Sekretario:
S-ro José M.ª González Aboín
(Oficina Central)
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Kasisto:
S-ro Gerardo Flores Martín
Str. Presidente Carmona, 2
MADRID-20
Ĉekkonto: N.º 8362-271
Banco Español de Crédito
Str. Diego de León, 54
MADRID-6

Libroservo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Informa-servo:
Federación Española de Esperanto, O. C.
Str. Rguez. S. Pedro, 13, 3.º, des. 7
MADRID-15

Eldona Fako:
F-ino Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.
Ĉekkonto: N.º 17917, Bc. Bilbao
Coso, 31 ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 200 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H.E.F., escepte en okazo de oficiala komuniko; ĝi ankaŭ ne reprezentas la opinion de la Redaktoro; do, pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## DONANTES DEL FONDO DE ADQUISICION DEL LOCAL EN PROPIEDAD (F.A.L.P.)

| | Pesetas |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... | 341.892,— |
| Pedro Benedicto Alvares ... | 500,— |
| José L. Bringas Tellechea ... | 500,— |
| Gerardo Flores ... ... ... ... | 20.000,— |
| Salvador Arnella ... ... ... ... | 1.000,— |
| Antolín Colomer, G. F. . ... | 500,— |
| Abelardo Benet Pillado . ... | 1.000,— |
| *Total* . ... ... ... ... ... | 365.392,— |

Madrid, 20 de abril de 1975.
*Gerardo Flores*
Tesorero de H.E.F.

## KONGRESA MATERIALO

Mendoj kaj pagoj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso, Apartado 88. Lérida.

| | | |
|---|---|---|
| Poŝtkartoj, unuo ... ... ... ... | 4,— | ptoj. |
| Folietoj ses glumarkoj, unuo | 4,— | ” |
| Kovertoj, unuo ... ... ... ... | 5,— | ” |

### DONATIVOS PARA BOLETIN (AÑO 1975)

| | Pesetas |
|---|---|
| *Suma anterior* ... ... ... ... | 3.100,— |
| Liberto Fort ... | 50,— |
| Francisco Alsina ... | 50,— |
| María Alsina ... | 50,— |
| José Roig ... | 50,— |
| Agustina Roca ... | 50,— |
| Carlos Segura ... | 50,— |
| José Gispert ... | 50,— |
| Raimundo Ibáñez ... | 53,— |
| Santiago Manrique ... | 50,— |
| José Arroyo ... | 100,— |
| Alberto Sánchez ... | 50,— |
| Lino Beltrani ... | 100,— |
| Evaristo Gil ... | 50,— |
| Fabriciano Bermejo ... | 50,— |
| Salvador Gumá ... | 50,— |
| José Sardá ... | 50,— |
| Antonio Bohigas ... | 250,— |
| Jaime Mercé ... | 50,— |
| Jaime Aragay ... | 50,— |
| Juan Figueras ... | 100,— |
| Manuel Díaz Camacho ... | 150,— |
| Juan Devis Calpe ... | 50,— |
| Tage A. Pettersson ... | 6,— |
| Amparo Jorro ... | 30,— |
| Ernesto Roca ... | 50,— |
| Evelio Calvet ... | 50,— |
| Tomás Apraiz ... | 50,— |
| Cecilia Gutiérrez ... | 50,— |
| Eduardo Larrouy ... | 50,— |
| Manuel Ruiz Maza ... | 100,— |
| Angel G.ª Brañanoba ... | 100,— |
| Paco kaj Amo ... | 40,— |
| Manuel Cos Serra ... | 50,— |
| Salvador Arnella ... | 100,— |
| *Total* ... | 5.329,— |

# *Lérida invitas vin*

Lérida estis elektita de la Hispana Esperanto-Federacio por okazigi en ĝi, ĝian XXXV-an Hispanan Kongreson de Esperanto.

La Loka Kongresa Komitato konscia de sia respondeco, klopodas sukcesigi la Kongreson por tiamaniere danki la honorigon kaj konfidon ricevitajn.

Lérida, ĉiam gastama kaj afabla, akceptos vin kun ĝojo pro via ĉeesto. En ĝi vi povos admiri niajn artaĵojn, kiuj parolas pri nia glora pasinteco, kaj niajn modernajn kvartalojn, parkojn kaj ĝardenojn, niajn grandajn avenuojn, kaj niajn fabrikojn, kiuj estas elmontro de laboremo kaj progreso.

Kiel Prezidanto de la Loka Kongresa Komitato, mi invitas vin al partopreno en tiu kultura evento, kia estos la XXXV-a Hispana Kongreso de Esperanto. Se ĉiu Esperanto-kongreso estas grava fakto por la sukceso de nia idealo, tiu kvazaŭ Jubilea Kongreso altiros la atenton ne nur de la hispanaj esperantistoj, sed de multaj eksterlandaj samideanoj, kiuj tutcerte akompanos nin kaj ĝuos nian ĉiujaran kunvenon.

Al ĉiuj, ni tutkore invitas kun la deziro vin saluti persone en Lérida.

*José Franquesa Solé*
Prezidanto de la L.K.K.

# SOBRE UNA "NOTA DE LA PRESIDENCIA"

Invocando anteriores acuerdos de la "Junta General de la Federación Española de Esperanto", la Presidencia publica una nota en el número de enero-febrero de "BOLETIN", a la cual me quiero permitir unas puntualizaciones, que creo son dignas de ser tenidas en cuenta. Son las siguientes:

1.ª.—Cuando se tomaron tales acuerdos ¿se ha tenido en cuenta el daño que se podría causar a cuantos han hecho ediciones personales para facilitar el aprendizaje de la Lengua Internacional, sin apenas obtener beneficio material alguno?

2.ª.—¿No cree el Sr. Presidente que el hecho de que la Federación edite un manual de un autor determinado sería tanto como poner a éste en una situación de privilegio con respecto a los demás? Y esto, en mi modesta opinión, no puede hacerlo una organización que tiene como fin primordial unir personas y actitudes para un mayor éxito del esperantismo español.

3.ª.—En caso de que, efectivamente, sea necesario editar un manual moderno y práctico, a la vez que lo más económico posible, al alcance de todos los bolsillos, ¿no sería lo mejor nombrar una Comisión encargada de redactarlo formada por destacados esperantistas, entre los cuales deberían figurar aquellos autores o editores que quisieran participar en ella voluntariamente? Sería una manera, aunque modesta, de demostrar a estos señores que no nos olvidamos de la ingrata, a la vez que desinteresada, labor que han realizado en los tiempos heroicos del desarrollo esperantista en nuestro país.

4.ª.—Por otra parte ¿cuenta nuestra Federación con tanto dinero como el que exige un proyecto de este tipo? Porque, según parece, se intenta también la edición de una "ANTOLOGIA DE LA LITERATURA ESPAÑOLA E HISPANOAMERICANA", en Esperanto. Y esta obra, aunque sólo recoja lo más importante, supondrá un esfuerzo económico muy grande. ¿Quiere esto decir que yo estoy en contra de la realización de tan importantes ediciones? De ningún modo. Me parecen muy dignas de ser convertidas en realidad. Pero sin olvidar nada de cuanto queda apuntado. ¿Se tendrá en cuenta? No soy demasiado optimista; pero espero que, cuando menos, no dejará de ser leído y se procederá después de haber considerado, seriamente, los pros y los contras.

INSTRUISTO
4-3-75

# PRI NORMOJ DE LIBROSERVO DE HEF.

Mi legis kaj relegis la normojn kiujn donas la responsulo de Libroservo de HEF, Sro. Gómez Martín, kaj post la legado mi pensis fari la jenajn precizigojn:

Pri la unua kaj la dua normoj, tute konsente.

Pri la tria mi komprenas ke por eviti eblajn nepagotajn mendojn konvenas postuli antaŭpagon. Tamen mi devas averti ke eksterlandaj eldonejoj akceptas pagojn kontraŭ fakturo kiu venas kune kun la sendo de la koncerna mendo.

Pri la kvara mi dividos ĝin en du partoj: a) la anonco de la respektivaj titoloj pere de "BOLETIN" devas fariĝi en aldonaj folioj; b) mi ne komprenas kial oni devas pagi plian 10 % plus la prezo de la libroj kiam oni neniam postulis tion. Ĉu tio signifas, eble, ke ni devas aĉeti librojn rekte al la eldonejoj? Mi komprenas ke la Libroservo estas rimedo por havigi enspezojn al la Federacio sed sen damaĝo por la membroj kaj klientoj.

Pri la kvina mi konsentas se oni forigas la parton kiu parolas pri rembурso.

Pri la sesa mi jam respondis kiam mi parolis pri la tria. Nenion plu.

INSTRUISTO
4-3-75

# IOM PRI NIA ĈI-JARA KONGRESURBO





Lérida, kiu ludis gravan rolon en la hispana historio, konservas de tiu epoko gravajn monumentojn, sed ne estas la monumentoj la temo de mia nuna priskribo. Lérida estas ankaŭ moderna urbo, kiu meritas nian atenton.

Kelkfoje preterpasantoj opinias ke en Lérida elstaras ja, belaj ĝardenoj en la novaj avenuoj, sed ne ekzistas parkoj. Ili eraras. Kiel dirite en antaŭa numero de BOLETIN, en Lérida ekzistas du grandaj parkoj, malsamaj inter si, sed ambaŭ belegaj.

Preskaŭ en la centro de la urbo situas la malnova kaj fama parko "Campos Elíseos" kun belaj ĝardenoj, kie vi povos ĝui pacon kaj trankvilon. Kaj, iom malproksime de la urbo, sed tre bone komunikita per aŭtobusoj, la moderna parko "Alcalde Pons" allogas al la vizitantoj per sia grava komplekso de naĝejoj bone pretigitaj kaj vastaj verdaj zonoj ĉirkaŭataj de arbaro, kiuj devenigas ĝin en kvazaŭ somerumejo de leridanoj kaj gastoj.

Por ke vi konstatu, ke mi ne troigas, jen fotografaĵoj de ambaŭ parkoj.

I. G.

La estraro komence de la jaro konsistis el:

Prezidanto: Sro. Miguel A. Altuna, el Bilbao; Vicprezidanto pri rilatoj kun TEJO: Sro. Juan Azcuénaga, el Santander; Vicprezidanto pri rilatoj kun HEJS-delegitoj: Sro. Juan Ramón Guiñón, el Barcelona; Sekretario: F-ino Laura García, el Bilbao; Vicsekretario: F-ino Mercedes Castro, el Bilbao; Kasisto: Sro. José Miguel Fernández, el Bilbao; Membroj: F-ino Itziar Arteche, el Bilbao; Sro. José Carlos Quintas, el Vigo; Sro. Johano Ramoneda, el Sabadell; Sro. Pedro Pérez, el Bilbao kaj F-ino María Gálvez, el Bilbao.

Redaktoro de HEJS-bulteno: F-ino Itziar Arteche, el Bilbao.

Tiu ĉi estis la unua HEJS-estraro kies membroj troviĝis dise en urboj ekster la sidejo. Postaj ŝanĝoj estis.

Vicprezidanto pri rilatoj kun TEJO: Sro. Miguel Gutiérrez, el Santander; Membro: Sro. Leandro Trujillo, el La Laguna.

Eksiĝoj: Sro. Juan Azcuénaga, José Carlos Quintas kaj Johano Ramoneda.

La membro-nombro estis 233. La nombro de delegitoj 17.

Regule aperis "HEJS", nia bulteno kaj ligilo. Kiel kutime, sesfoje en la jaro. En la lasta jarnumero ni enkondukis enkadrigon de la paĝoj, kio estas samtempe favora por plibeligo. La meza eldonnombro estis 325. Krom la enlandaj kunlaborantoj, ni ricevis artikolojn el Germanujo, Pollando kaj Usono.

Unuafoje en nia historio ni sukcesis eldoni Adresaron; ĝia eldonnombro estis 400. Ankaŭ ni eldonis membrokartojn (donaco de Petro Nuez): 400 ekz., kaj 600 kalendarojn por 1974.

Ambaŭ vicprezidantaj postenoj celis plifortigon de nia en-kaj eksterlanda situacio respektive. Bedaŭrinde, nur tiu lasta agado sukcesis, ĉar la vicprezidanto por rilatoj kun la delegitoj, pro troa okupiteco, ne plenumis sian taskon.

La varbado por HEJS celis samtempe varbadon por TEJO. Ĉiu varbinto ricevis ekzempleron de "Kontakto". Bedaŭrinde, pro jam diritaj kaŭzoj, la varbado estis preskaŭ sensignifa, kaj krome ni ne konas la rezultojn de nia varbado por TEJO.

Por aktivigi la membraron ni lanĉis fotan konkurson. Surprize, estis reagoj, pro kio ni estas iom kontentaj.

Kunigon de la membraro ni celis per okazigo de tendaro en Zaragoza mezo de majo. Ŝajnas, ke la datoj ne estis konvenaj, HEJS-kunsido okazis dum la 34a Nacia Kongreso de Esperanto en Valladolid. Krome, la estraro kunvenis diversfoje.

Helpo al lernado de esperanto en sudamerikaj landoj estis alia el niaj iniciatoj. Por ĝi ni petis kunlaboron al la membraro, sen reago. Tial, en tiu afero ni tre malmultagis. Ni nur sendis hispanlingvan inform-materialon kaj vortarojn al la studenta domo TESCO, kiu petis ĝin en la revuo "Esperanto". Ni sendis leteron al la Perua landa sekcio, proponante helpon, sen respondo.

Ĉar la inflacio daŭre plialtigas kostojn kaj ni ripetis kotizojn, estis malfacile ekvilibrigi enspezojn pro kotizoj kaj elspezojn pro eldonkostoj. Do, deficito fariĝis neevitebla, kvankam per disvendado de loterio kaj donacoj niaj financoj restas sanaj.

La amplekso de nia revuo restis senŝanĝa, entute 72 paĝoj ekskluzive de kovrilaj paĝoj. El tiuj paĝoj, ni dediĉis 13 al TEJO aŭ TEJO-aferoj: 6 pri "Kontakto", 3 pri "Pasporta Servo" kaj 4 pri la 30a IJK (tio signifas 18 % de la enhavo).

Tiaj estis niaj rilatoj kun TEJO, —en kiuj gravan rolon ludis la korespondado de la respondeculo kun TEJO-sekretariino—, ke la nombro de niaj membroj en la TEJO-komitato altiĝis de 1 al 4, el kiuj estas 2 en kategorio A, 1 en kategorio B, kaj 1 en kategorio C, estrarano.

Ĉi-jara agado klopodis ankaŭ plibonigon de niaj rilatoj kun HEF. Bedaŭrinde, tiuj ĉi akriĝis lastatempe, pri kio grandparte kulpas maldiplomatiaj agoj flanke de HEJS; tamen, ni opinias ke ni meritas plian akuratemon flanke de HEF por respondi niajn leterojn.

Ni esperis en la pasinta jaro plifortigon de nia sekcio interne kaj ankaŭ intensigon de niaj rilatoj kun HEF kaj TEJO. Ne ĉio estis sukcesa en nia agado, kvankam ni sendube ĝojas pro la fakto ke nia bulteno havas regulan eldonritmon, plibeliĝis la aspekto kaj pliboniĝis la enhavo.

Nome de HEJS informis

*Miguel Angel Altuna*
Prezidanto

*Laura García*
Sekretariino

## PRELEGO FARITA DE PETRO NUEZ, EN BARCELONO, ĈE LA KLUBO DE UNESKO-AMIKOJ LA 15-an DE FEBRUARO DE 1975

Dum la tuta historio de nia Movado, diversaj verkoj erudiciaj starigis mejloŝtonon en la progresiga vojo de la Internacia Lingvo.

Ankaŭ la libro "Esperanto en Perspektivo" signas novan startpunkton en dokumentado, historiaj faktoj, sintezaj analizoj, kaj finfine, ĝi estas vera korifea juvelo por nia senlima popolo.

Sciate estas, ke la literaturo estas la palpebla instrumento, kiu montras la kulturan nivelon de nacio, ke ĝi elmetas al la rigardo de edukitaj homoj la spiritan realecon de lingvo.

El la tri mil lingvoj ekzistantaj nuntempe en nia planedo, nur malmultaj atingis literaturan rangon; preskaŭ ĉiuj estas nur parolataj lingvoj, dialektoj aŭ ĵargonoj, uzataj eĉ en vastaj teritorioj, sed sen lingva skribita tradicio.

Tamen, la aktualaj literaturaj lingvoj, estis antaŭ tri aŭ kvar jarcentoj, tute barbaraj lingvoj, kiuj evoluis danke al la ekfloro de talentaj sporadaj artistoj, poetoj kaj trobadoroj, kiuj prikantis la amon, la vivon kaj la morton, la suferon kaj ĝojon, per novaj sentemaj dirmanieroj kaj metaforoj, kio riĉigis la vulgaran lingvon, donante al ĝi varian esprimkapablon, plian koherecon, kroman kulturan valoron.

La lingvo estas mirindaĵo donacita de la Naturo; ĝi estas la instrumento de pensado, per kiu la homoj sin interrilatas, kaj danke al ĝi, unu generacio transdonas al la sekvanta la tutan akiritan sciadon. Sen lingvo parolata aŭ skribita, la homaro ankoraŭ estus je la ŝtona epoko. La homo mem kreas la lingvon pro la deziro kaj bezono transdoni al la aliaj siajn pensojn kaj sentojn. La lingvo estas vere, artefarita aĵo, socia interkonsento, kompromiso inter la homoj agantaj ĉe sama sektoro.

La homaro, simile al la homa korpo, konsistas el granda socia monda organismo- kaj ĉiu lando, ĉiu regiono, ĉiu vilaĝeto aŭ loko, estas kiel ĝiaj internaj organoj, kaj la loĝantoj, kiel vivantaj ĉeloj, izolitaj sed samtempe homogenaj, kiuj se ne ekzistus ĝi ne povus posedi la kapablon de evoluo, de vigleco kaj reproduktiĝo.

Esperanto estas antaŭ ĉio lingvo. Kaj Esperantismo, estas la idealismo de tiu lingvo.

Nia internacia popolaro, varia je penso, tradicio, poetiko kaj literaturaj formoj, influis nian Internacian Lingvon, kaj Esperanto, danke al sia strukturo kaj esprimriĉeco, efikis pri la stilo, la lingva sentemo kaj esprimrimedoj de niaj literaturistoj.

La saman paralelismon, kiel ĵus dirite pri la interrilato "lingvo-homo" kaj "ulo-lingvo", ni renkontas ankaŭ en la libro "Esperanto en Perspektivo", ĉar sen literatura tradicio, sen antaŭaj analogaj verkoj, sen kreado de artikoloj kaj broŝuroj samtemaj, ne estus povinta aperi la ĉi prezentata literaturaĵo.

Tiu ĉi verko fariĝis dum 20 jaroj. Longa laboro, scienca sperto, streĉa penado kaj intensa aktivado de konsciaj kunlaborantoj. Tamen, la tuta labora respondeco, la tuta peza tasko estis farita de unu sola homo, unika homo en la historio de Esperanto, kiu regalis nin per sia majstra oratoreco, unuecigis la Movadon per sia impona organiza kapablo, plifortigis la aprecon de la Internacia Lingvo en mondaj instancoj kaj institucioj per siaj objektivaj argumentoj, plivalorigis nian literaturon per siaj elstaraj kreitaĵoj, kiel "Retoriko", "Aktualaj problemoj de la nuntempa vivo", "La Internacia Lingvo", "Elektitaj paroladoj kaj prelegoj", "Por pli efika informado", kaj centoj da artikoloj trafaj, kvalitaj kaj teknikaj.

Du novaj intelektuloj, Ulrich Lins, germana samideano, 32-jara, kiu lernis esperanton kiam estis 15-jara, ĉefredaktoro de la dua eldono de "Enciklopedio de Esperanto", kaj la svisa esperantisto, italdevena, Tazio Carlevara, 29-jara, kiu eklernis esperanton kiam li estis 12-jara, kune kun d-ro Ivo Lapenna, formas perfektan triumviraron, fortikan triopan koalicion, kiuj realigis jenan elstaran verkon.

Norvega parlamentano, je la jaro 1954 (kvankam la ideo jam iĝis en 1952), proponis al la Norvega Parlamento, ke Universala Esperanto-Asocio ricevu la Nobel-Premion por la Paco.

Antaŭ la prezento de tiu propono, la estraro de UEA komisiis profesoron Lapenna, kolekti la necesan materia-

lon kaj redakti kompletan fundamentitan dokumentaron por montri al la Nobel-Komitato pri la realeco, laboro kaj faktoj de la Esperantista Asocio favore de la monda paco.

Dum la verkado, la kompilinto perceptis, ke en la memuaro prezentota ne nur devus enhavi la historion kaj staton tiaman de UEA, sed ankaŭ la kernan principon de la babela problemo en la mondo.

Ĵus finita tiu dokumentaro kaj plenumita la propono al la Nobel-Komitato, la estraro de Universala Esperanto-Asocio, trovante tiun raporton tiel kompleta, abunda, kaj valora, decidis publikigi ĝin en formo de libro. Tiam, la menciita raportanto, verkis plurajn aldonajn partojn kaj finpretigis la verkon, kies titolo estis "La Internacia Lingvo (Faktoj pri Esperanto)", eldonita en 1954. Parto el tiu materialo estis utiligata ankaŭ por la Peticio al Unuiĝintaj Nacioj kaj UNESKO.

Tiu verko elĉerpiĝis, kaj oni planis duan eldonon. Ju pli oni rekonstruis, planis, reverkis, des pli la nova verko distanciĝis de la unua eldono, kiu vere, estas tute malsama verko, pro la kerna strukturo, amplekso (844 paĝoj, tio estas, preskaŭ 4-fojojn pli granda), interna sinteno kaj novaj faktoj. Do, oni devis serĉi adekvatan titolon por la nova libro, konvena al la enhavo, ke ĝi reflektu la enan spiriton de la verko. Post konsultoj kaj diskutoj inter la kunlaborantoj, redakta komitato kaj eĉ pluraj akademianoj, fine oni akceptis la titolon "Esperanto en Perspektivo: Faktoj kaj analizoj pri la Internacia Lingvo".

Ni devas emfazi, ke sen la ekzisto de "Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo", starigita kaj fondita de d-ro Ivo Lapenna, nek tiu ĉi libro, nek la Dokumentaro CED, nek aktualaj verkoj, ekzemple "Pri Internacia Lingvo dum Jarcentoj" de la juda aŭtoro magistro Dratwer, konsiderata ĝi kiel suplemento de la jena, tute certe ke ili ne estus aperintaj.

Kiel dirite, "Esperanto en Perspektivo" estis redaktata de triumviraro, sed tamen, oni ŝuldas multon al la kunlaboro de granda nombro da personoj, kiuj kontribuis al ĝia efektiviĝo, precipe la kunlaborantoj de "Enciklopedio de Esperanto", kio demonstras la malavarecon de la esperantistoj en la kampo de intelekta helpo.

Ĝis nun, mi prezentis al vi, supraĵe, la celon de la verko, la kialon de ĝia ekzisto, la estiĝon de la titolo, la aŭtorojn kaj ceterajn cirkonstancojn, sed nenion mi rakontis al vi pri ĝia enhavo, pri ĝia multvalora konsisto.

El la vidpunkto tipografia, ni diru, ke ĝi estas presita laŭ ofseta sistemo sur kvalita blanka papero; la mallongigoj, temaj kaj personaj indeksoj sur flava papero starantaj ĉe la lastaj paĝoj de la libro. La bindo sufiĉe luksa kun moderna kovrilo plastigita.

La verko estas dividita je ses partoj, kaj tiuj konsistas entute el 23 ĉapitroj. Ĉe la unua, oni montras la lingvan problemon en internaciaj rilatoj. Ni estas tuj bone informitaj pri la gravaj diskutoj kaj malkonsentoj lingvaj en la historiaj Traktatoj (ekzemple, ĉe Vestfalio, Versajlo, ktp), kies tekstoj entenas specialan artikolon, kiu eksplicite precizigas, ke la uzo de la franca (aŭ angla) lingvo, neniel prejudicas la rajton de la kontraktantaj partioj havi kopiojn en aliaj lingvoj.

Tre interesa estas la subĉapitro pri la oficialaj kaj laboraj lingvoj en Unuiĝintaj Nacioj, Unesko kaj dekoj de internaciaj institucioj, kie oni konstante pledas pri samrajta uzo de minoritataj lingvoj kaj starigo de pli justa lingva egaleco. Unu el la punktoj plej interesa estas tiu kiu traktas pri la grandaj sumoj da mono elspezitaj kaj ĉefe pri la malprecizeco de la samtempa tradukado kaj oftaj mistradukoj.

Mi diru, parenteze, ke ĉe la fino de ĉiu ĉapitro estas abunda bibliografio, kio faciligas al la leganto la eblecon konsulti verkojn traktantajn saman temon.

La lastaj subĉapitroj de la unua ĉapitro pritraktas la diversajn aspektojn el la vidpunkto teknika, socia, psikologia, jura kaj ekonomika. Al tio, sekvas la solvo. Permesu al mi, ke mi legu la vortojn mem de profesoro Ivo Lapenna:

> «Malgraŭ tiu armeo da tradukistoj kaj interpretistoj, malgraŭ la pliboniĝoj en la teknika aparataro kaj malgraŭ la grandegaj sumoj elspezataj ĉiujare por tradukado kaj interpretado, la problemo mem neniel estas solvita. Ĉiuj ĉi rimedoj estas sole paliativoj, nur etfrakcie efikaj kaj provizoraj. Restas la fakto, ke eĉ ŝtatestroj en gvidaj pozicioj ne povas senpere kontakti. Forestas personaj rilatoj en internaciaj kongresoj kaj konferencoj. Elstaraj intelektoj kaj grandaj sciencistoj venas en embarase ridindajn situaciojn en fremdaj lingvaj medioj.

Miskomprenoj abundas sur ĉiuj niveloj. La milionaj amasoj, kiuj vizitas aliajn landojn, restas plejparte mutaj kaj surdaj pro la lingvaj obstakloj. En plej bona kazo, kiel prave atentigis konata franca filozofo, la konservacio kutime finiĝas precize tie, kie ĝi devus komenciĝi. ... El milo da projektoj, nur la Internacia Lingvo (Esperanto) iniciatita de D-ro Zamenhof transformiĝis en vivantan lingvon de vivanta internacia kolektivo. En pli ol 80 jaroj de sia funkciado en la praktiko ĝi tiel kaj tiom evoluis, kiel evidentigos la sekvantaj ĉapitroj, ke ĝi plene taŭgas por ĉiuj internaciaj rilatoj kaj efike solvas la lingvan problemon en ĉiuj ĝiaj aspektoj...»

En la dua, tria kaj kvara ĉapitroj estas prezentata Esperanto: ĝia strukturo, deveno, internacieco, socia portanto; la esperanta kulturo: la organizita movado; la instruado: lernolibroj, instrumetodoj, agado en lernejaj medioj; kaj konkludaj rimarkoj.

La dua parto konsistas el 5 ĉapitroj, verkitaj komplete de Tazio Carlevaro, kiu regalas nin per abundo de sciigoj pri nia literaturo, ekde la unua esperanta prozisto ĝis la plej modernaj, ekde la unua aperita libro ĝis la plej ĵusaj; riĉe klarigas al ni pri nia originala beletro, la poeziaj skoloj, la tradukita belliteraturo, scienca literaturo, terminaroj kaj periodaĵoj.

Legante la ĉapitron koncerne la verkaron de L. L. Zamenhof, mi miras pro la granda amaso da tradukaĵoj faritaj de li; ŝajnas, ke ne estas eble, ke homo havu tiom da libera tempo por sin dediĉi al verkado kaj tradukado, krome ankaŭ al eldonado de gazetoj, kaj aktiva korespondado kun esperantistoj el la tuta mondo.

La tria parto de la libro, koncernas la kulturan flankon de Esperanto. En tri ĉapitroj estas pritraktataj la belartaj konkursoj, la filmoj, la teatro, la oratoraj konkursoj, ISU, tio estas, la Internacia Somera Universitato, kiu okazas dum la Universalaj Kongresoj, la programoj de Radio, la delegita Reto de UEA, Turismo, Komerco, Industrio, kai centoj da detaloj pliaj.

Pri la signifo de la universalaj kongresoj de Esperanto, permesu min, ke mi legu mallongan paragrafon:

«La universalaj kongresoj de Esperanto plifirmigas la senton de amikeco kaj internacia solidareco ne nur inter la partoprenantoj, sed, pere de ili, ankaŭ inter la aliaj sciantoj de la Internacia Lingvo. Per sia tuta karaktero la universalaj kongresoj forte kontribuas al pli bona kompreniĝo inter la popoloj. La kongresanoj, reveninte al siaj hejmoj, faras prelegojn, skribas artikolojn kaj alimaniere diskonigas la diversajn aranĝojn kaj la spiriton de internacieco kaj tuthomeco, kiu inspiras tiun grandan mondan manifestacion. Tial la universalaj kongresoj signas ne nur ĉiam plian ŝtupon en la progresado kaj evoluado de la Internacia Lingvo, sed ili estas samtempe gravaj kontribuaĵoj al la ideo de interpopola amikeco.»

Ĉe la kvara parto, tio estas, ĉapitroj 14a ĝis 20a, paradas antaŭ ni, la historio de la organizaĵoj de la Esperanto-Movado, ekde la unuaj lokaj societoj, la landaj kaj fakaj asocioj, la Tutmonda Esperantista Junulara Organizo, la laborista Movado, t.e. SAT, ĝis la konstruado de la moderna UEA, starigante la bazajn konceptojn de universaleco kaj neŭtraleco de tiu Asocio.

Tre interesa estas la subĉapitro rilate al al Ido-Skismo. En du paĝoj, estas dense prezentitaj la bataloj, intrigoj kaj akraj polemikoj, inter du partioj, unuflanke Couturat kaj de Beaufront, aliflanke Cart kaj Bourlet. La du unuaj ne kapablis kompreni la socian valoron pri la uzo de Esperanto, kaj ambaŭ supozis, ke la esperantistaro estis inerta amaso, kiu sekvos la decidojn de la Delegacio koncerne la lingvajn reformojn proponitajn.

Je la jaro 1973 aperis la broŝuro "La danĝera lingvo", verkita de Ulrich Lins, kies reviziita versio konsistigas la tutan 21an ĉapitron, apartenantan ja al la antaŭlasta parto de la libro.

Estas tre kurioza afero, ke Esperanto, kio estas nur lingvo, tute neŭtrala, estis atakita de multaj homoj, kiuj absolute ne komprenis (nek komprenas) la celon de la Internacia Lingvo. Por unuj "ĝi estas lingvo de judoj kaj komunistoj", kompreneble tion diras la faŝistoj. Aŭskultu tion, kion Adolfo Hitlero, skribis en 1925 en sia verko "Mia Lukto":

«Tiel longe, kiel la Judo ne fariĝis la mastro super la aliaj popoloj, li volenevole devas paroli ilian lingvon, sed tuj kiam tiuj estus liaj servutuloj, ili ĉiuj devus lerni unu universalan lingvon (ekz. Esperanton!), tiel ke ankaŭ per ĉi tiu rimedo la Judaro povus regi ilin pli facile!»

Kaj en 1922 en Munkeno dum paro-

lado: «La marksismo fariĝis la alpelanto de la laboristoj, la framasonismo servis kiel fermentilo por la "spiritaj" tavoloj, "Esperanto" estis faciligonta la "interkompreniĝon".»

Je la jaro 1933, la "Germana Laborista Esperanto-Asocio" estis disbatita kune kun la "Socialista Esperanto-Asocio", kio signifis, ke tri kvaronoj de la esperantistaro germana perdis sian organizan bazon.

Tiam, la "Germana Esperanto-Asocio" klopodis pluvivi per ŝanĝo de taktiko, adaptante sin pli kaj pli al la postuloj de la faŝisma reĝimo, starigante la sloganon: ke Esperanto estas la perfekta rimedo por garantii la purecon de la germana lingvo, ĉar ĝi englutas la fremdvortojn.

Post du jaroj, GEA forpelis siajn membrojn judajn, kaj aldonis al la slogano: Disvastigi la nacisocialismajn konceptojn tra la mondo. Tamen, ruze, la ŝtato fondis radikalan nazieman asoción "Nova Germana Esperanto-Movado", kiu ne plu propagandis esperanton, kaj sin turnis kontraŭ la glorigo de Zamenhof. Tiu nova asocio uzis Esperanton nur por propagandi la faŝisman ideologion, kaj ankaŭ kunlaboris intime kun la Gestapo.

En Dusseldorf, je la monato marto de 1935, oni arestis 36 personojn, el kiuj 29 estis esperantistoj. Tio estis kaŭzo por dissolvi kaj malpermesi en Germanio la Esperanto-unuiĝojn konfiskante ilian havaĵon.

Aliaj diras: «Esperanto estas lingvo de cionistoj kaj kosmopolitoj». Ĉiuj esperantistoj en Rusujo, dum la Stalina periodo, estis konsiderataj spionoj. Multaj el ili estis persekutataj, arestitaj, kondamnitaj aŭ mortpafitaj.

Por ke vi konsciu pri tio, mi legos jenajn paragrafojn:

«La giganta aresta maŝino silente, sed nehaltigeble englutis la sovetajn esperantistojn. Malaperis kaj neniam plu revenis la membroj de la Centra Komitato N. Nekrasov, N. Incertov, la gvidanto de la ekspedejo de Sovetrespublikara Esperantista Unio, Petr Gavrilov, kune kun siaj teknikaj helpantoj, la desegnisto Jevgenij Gurov, kiu projektis en 1936 glumarkon kun la teksto "Subtenu la eldonon de Lenin-Verkaro", la elstara poeto E. Miĥalski kaj multaj aliaj; ankaŭ elmigrintaj esperantistoj ne eskapis: la Hungaroj Jozsef Batta kaj Ferenc Robissek, filo de vic-popolkomisaro en la Hungara Konsilantara Respubliko de 1919 ... nur la kono de Esperanto jam estas danĝera. Kiam Nikolaj Rytjkov estis arestita en marto 1938, li serioze kredis, ke oni venigas lin al Lubjanka por traduklaboroj. Sed, alveninte en tiun fifaman turmentejon, li ekskciis la veran kialon. Kiel ĉiu arestita esperantisto, li aŭskultis la jenan stereotipan akuzon: "Vi estas aktiva membro de internacia spiona organizaĵo, kiu sin kaŝis sur la teritorio de USSR sub la nomo de Sovet respublikara Esperantista Unio". La absurdecon de tia kulpigo ne necesas substreki. Drezen estis mortpafita en 1937, same kelkdeko da gvidantoj. ... Ordinaraj membroj de SEU suferis dum deko aŭ pli da jaroj pezan punlaboron en siberiaj koncentrejoj... el ili nur tre malmultaj revenis... Rytjkov, nur 24-jara, kiam li estis arestita, estis liberigita en novembro 1955» tio estas, ke li restis dum 17 jaroj enkarcerigita.

Je la sesa parto, lasta de la libro, titolita "Perspektivoj por la Estonteco", estas traktataj la esencaj antaŭkondiĉoj por rapidigi la progreson de Esperanto.

La ĉefaj premisoj estas, ke ni laboru kun entuziasmo, per organizita laboro sen spontaneco, donante al Esperanto ĝian ĝustan valoron, prezentante al la ĝenerala publiko altkvalitajn kaj seriozajn agojn kaj programojn, ke ni klopodu disvastigi en ĉiuj medioj, ĉu universitataj, ĉu laboristaj, ĉu kulturaj, nian karan lingvon, pere de prelegoj, broŝuroj, artikoloj, klasoj, kontaktante kun neesperantistaj kluboj kaj societoj.

Do, mi prezentis al vi, sinteze, la enhavon de tiu verko.

Nur restas diri al vi rekomendon: antaŭ ol propagandi Esperanton, antaŭ ol prikanti ĝian perfektecon al konatoj kaj publiko, ni unue regu la lingvon, ni parolu flue ĝin, konstante praktiku ĝin en la Grupo, strate, ĉie; ni demonstru al la ignorantaj saĝuloj ke Esperanto estas vera vivanta lingvo, kaj ke pere de ĝi ni povas esprimi niajn plej indajn sentojn kaj homamajn pensojn, atendante kun espero, ke la estonteco estu nia!

GERARDO DIEGO, elstara poeto, katedra profesoro pri literaturo, membro de la Lingva Akademio hispana kaj amiko de Esperanto, naskiĝis en Santander (norda Hispanio) en 1896. En 1924 oni aljuĝis al li la nacian premion literaturan pro lia verko *Humanaj versoj*.

Liaj du sekvantaj poemoj senescepte sidas en ĉiuj antologioj de la hispana poezio.

La cipreso de Siloj

*El ombro kaj el sonĝo, ŝpruc' rigida.*
*Aflikto de l' ĉiel', ĉar pinta lanco.*
*Gejser' strebanta stelojn en distanco*
*per plilongiĝo vana kaj avida.*

*Soleca masto, revo izolita.*
*Espero-dona sago en avanco.*
*Veninte al la bordo de Arlanco,*
*anime senespera, kore frida,*

*mi vidis vin majesta, dolĉa, garda*
*kaj volis kun profunda sento arda*
*ascendi min solvante je kristaloj*

*kiel vi, turo svaga je profiloj,*
*ekzemplo de deliraj vertikaloj,*
*cipreso muta en fervora Siloj.*

Siloj (hispane Silos) estas fama, historia monaĥejo, proksima al la rivero Arlanco (hispane Arlanza), en la kastilia regiono. En ĝia interna korto staras la cipreso, kiun la poeto prikantas.

Romanco pri la rivero Dŭero

*Vin, ho vi rivero Dŭero,*
*oni jam ne akompanas*
*nek detenas sin aŭskulti*
*la eternan strofon akvan.*

*Soria turnas sian dorson*
*kun indiferento laca,*
*volas, ke vi ne spegulu*
*la remparon sendentaran.*

*Vi ridetas, olda Dŭero,*
*kun la barb' arĝente blanka*
*kaj muelas fabel-lirle*
*la rikolton povre magran.*

*Inter la sanktuloj ŝtonaj,*
*inter poploj sorĉe ravaj*
*pasas, kun la fluo via,*
*amaj vortoj —vortoj vanaj.*

*Mi tre volus vin simili*
*kaj, kvieta kaj fluanta,*
*kanti, sed en multaj akvoj,*
*vian verson ĉiam saman.*

*Vin, ho vi rivero Dŭero,*
*jam neniu akompanas*
*nek inklinas plu aŭskulti*
*vian strofon neglektatan,*

*krom la paroj idiliaj,*
*kies koroj vin demandas*
*kaj en via ŝaŭmo semas*
*amajn vortojn —vortojn vanajn.*

Soria (oni prononcu Sorja): urbo ĉe la rivero Dŭero, grava ankaŭ en la poezia verkaro de Antonio Machado.

Tradukis: *Fernando de Diego*

# CUENTA DE T

*COBROS*

| | | |
|---|---|---|
| Saldo en 1 de enero de 1974 | | 64.872,33 |
| Cuotas de 1973 | | 750,— |
| Cuotas de 1974 | | 69.175,— |
| Reembolsos de 1974 (más gastos) | | 44.786,— |
| Cuotas de Dumvivaj Membroj 1974 | | 20.000,— |
| Cuotas de alumnos cursos H.E.F. | | 2.500,— |
| Donativos para Boletín 1974 | | 10.661,— |
| Cuotas de 1975 (anticipadas) | | 10.630,— |
| Donativos para Boletín 1975 (anticipados) | | 753,— |
| Intereses Banco Español de Crédito | | 129,10 |
| Intereses Banco de Santander | | 24,— |
| Venta de Boletines | | 257,— |
| *Congreso de Valladolid* | | 950,— |
| Saldo a favor | 700,— | |
| Derechos de examen | 250,— | |
| Donativos F.A.L.P. (341.892 — 255.500) | | 86.392,— |
| | | 311.879,43 |

# BALANCE DE SITUACIO

| | | |
|---|---|---|
| *DISPONIBLE* | | 14.189,61 |
| Caja y Bancos. | | |
| *REALIZABLE* | | 90.409,— |
| Libro Servo. | | |
| *MATERIAL CONSUMIBLE* | | 5.850,— |
| Tarjetas, Cartas, Sobres, Sellos, etc. | | |
| *INMOVILIZADO* | | 734.736,— |
| Local en propiedad | 692.500,— | |
| Mobiliario adquirido | 8.160,— | |
| Mobiliario donado | 25.000,— | |
| Instalación eléctrica | 3.900,— | |
| Máquina de escribir | 4.016,— | |
| Fianza Unión Eléctrica | 1.160,— | |
| | | 845.184,61 |

ANGEL FIGUEROLA AUQUE
*Presidente de la Federación Española de Esperanto*

GERARDO FLORES
*Tesorero*

## TESORERIA AÑO 1974

*PAGOS*

| | | |
|---|---|---|
| Secretaría | | 11.982,90 |
| Tesorería | | 5.758,12 |
| Propaganda (conferencias, actos, etc.) | | 7.693,— |
| Facturas Imprenta Boloix | | 99.287,— |
| *Pagos pendientes en 1 enero 1974* | | 31.847,— |
| Material propaganda Eld.-Fako | 6.166,— | |
| Fact. Boloix (Boletín 11/12-73) | 19.445,— | |
| Gastos remesa Boletín | 1.436,— | |
| Cuota U.E.A. de 1973 | 4.800,— | |
| Gastos remesa Boletín, etc., 1974 | | 9.195,80 |
| Cuota U.E.A. de 1974 | | 5.500,— |
| Suscripción "Heraldo" 1974 | | 500,— |
| *Gastos de local y oficina* | | 17.780,— |
| Comunidad | 8.840,— | |
| Teléfono | 4.117,— | |
| Luz | 1.873,— | |
| Portero | 1.200,— | |
| Limpieza Secretaría | 1.700,— | |
| Varios | 50,— | |
| *Local de Secretaría* | | 108.146,— |
| 12 efectos de 7.775 ptas. | 93.300,— | |
| Hipoteca (2 semestres) | 14.846,— | |
| | | 297.689,82 |
| *Saldo a cuenta nueva* | | 14.189,61 |
| | | 311.879,43 |

## EN 31 DE DICIEMBRE DE 1974

| | | |
|---|---|---|
| *EXIGIBLE* | | 239.463,— |
| Efectos a pagar compra local | 171.050,— | |
| Hipoteca local | 68.413,— | |
| *GASTOS A PAGAR* | | 31.107,60 |
| Mat. propaganda E-Fako | 7.573,— | |
| Fact. Boloix (Boletín Noviembre-Diciembre 1974) | 20.591,— | |
| Gastos remesa Boletín, etc. | 2.943,60 | |
| *FUNCIONAMIENTO* | | 11.383,— |
| Cuotas 1975 (cobradas 1974) | 10.630,— | |
| Donativos 1975 (cobrados 1974) | 753,— | |
| *PATRIMONIO EN 31 DICIEMBRE 1974* | | 563.231,01 |
| Saldo en 31-XII-73 | 509.571,39 | |
| Excedente año 1974 | 53.659,62 | |
| | | 845.184,61 |

# CUENTA DE RESULTADOS AÑO 1974

*INGRESOS*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Cuotas de 1973 | | 750,— | |
| Cuotas de 1974 | | 69.175,— | |
| Reembolsos de 1974 | | 44.786,— | |
| Cuotas Dumvivaj Membroj 1974 | | 20.000,— | |
| Cuotas de alumnos Cursos H.E.F. | | 2.500,— | |
| Donativos para Boletín 1974 | | 10.661,— | |
| Venta de Boletines | | 257,— | |
| Intereses del Banco Español de Crédito | | 129,10 | |
| Intereses del Banco de Santander | | 24,— | |
| *Congreso de Valladolid* | | 950,— | |
| Saldo a favor | 700,— | | |
| Derechos de examen | 250,— | | |
| Beneficio venta libros | | 4.354,— | |
| Cuotas 1974 (cobradas en 1973) | | 5.790,— | |
| Donativos 1974 (cobrados en 1973) | | 730,— | |
| Armario librería (donado) | | 5.000,— | |
| Donativos para el F.A.L.P. | | 86.392,— | |
| *Suman los ingresos* | | | 251.498,10 |

*GASTOS*

| | | | |
|---|---|---|---|
| Secretaría y Tesorería | | 19.541,02 | |
| Valor material en 1-1-74 | 7.650,— | | |
| Gastos y compras en 1974 | 17.741,02 | | |
| | 25.391,02 | | |
| Valor material 31-XII-1974 | — 5.850,— | | |
| Consumido durante 1974 | 19.541,02 | | |
| Imprenta Boloix | | 99.287,— | |
| Propaganda (conferencias, actos, etc.) | | 7.693,— | |
| Gastos remesa Boletín, etc., 1974 | | 9.195,80 | |
| Suscripción "Heroldo" 1974 | | 500,— | |
| Cuota U.E.A. 1974 | | 5.500,— | |
| Gastos local y oficina | | 17.780,— | |
| Intereses hipoteca local | | 7.234,06 | |
| Pendientes de pago en 31-XII-1974 | | 31.107,60 | |
| Material propoganda E.-Fako | 7.573,— | | |
| Gastos Boletín (sellos, Campaña Navidad, etc.) | 2.943,60 | | |
| Fra. Boloix (n.º 11/12-74) | 20.591,— | | |
| *Suman los gastos* | | | 197.838,48 |
| *EXCEDENTE* | | | 53.659,62 |

ANGEL FIGUEROLA AUQUE
*Presidente de la Federación Española de Esperanto*

GERARDO FLORES
*Tesorero*

SARLANDA ESPERANTO-LIGO
D-6602 Dudweiler
Franz-Schubert-Str. 26

INTERNACIA ESPERANTO-KONFERENCO
De la 10a - 17a de Aŭgusto 1975
Universitato de Sarlando
Saarbrücken, FR Germanujo

Ekde la momento, kiam la eventoj ligitaj kun la 59a Universala Kongreso de Esperanto en Hamburgo (1974) tranĉis la kontinuon de la neŭtrala Esperanto-movado, Sarlanda Esperanto-Ligo (SEL) celis kontribui al la forigo de tiu malbono. Jen, kial ni larĝe dissendis la artikolon de Prof. D-ro Ivo Lapenna "Esencaj kaŭzoj de mia eksiĝo", jen kial ni eksiĝis el la kunkomplotinta GEA por klare distanciĝi de ties politiko.

Post intensaj interparoloj kun Prof. Lapenna kaj aliaj agantoj de la ĝishamburga UEA ni decidis aranĝi Internacian Esperanto-Konferencon sub la kadra temo "La lingva problemo en la internaciaj rilatoj kaj la rolo kaj problemoj de la nuntempa Esperanto-movado". Post Hamburgo montriĝis, ke la kunteniĝo inter la malaprobantoj komencis loziĝi pro manko de komuna organo, de kunvenebleco kaj de komuna forumo.

La konferenco, kiun teknike prizorgos SEL, okazos en la Filozofia Fakultato de la Universitato de Sarlando (Saarbrücken) de la 10a ĝis la 17a de Aŭgusto 1975. La provizora programo troviĝas aliflanke. Ĝia celo estas duobla: unuflanke ĝi studos la situacion de la monda lingvo-problemo kun speciala atento pri la solvo per Esperanto, aliflanke ĝi studos la apartajn problemojn ekestintajn per la forlaso de la principo de neŭtraleco fare de la nuna UEA celante trovi formojn de estonta agado.

La loĝigo de la konferencanoj okazos en hoteloj proksimaj al la universitata tereno (troviĝanta eksterurbe en arbaro) kaj —laŭdezire— en la modernega junulara gastejo.

Apud la prelega kaj diskuta programo estas antaŭvidita publika forumo en la universitato, gazetara konferenco, akcepto ĉe instancoj, vizito de la komputera centro de la universitato kaj tagekskurso al Trier (plej malnova urbo de FRG kun multaj romiaj monumentoj).

La aliĝkotizo estas 20,— DM.

En la espero, ke vi povos ebligi vian ĉeeston kaj helpos diskonigi la konferencon al ĉiuj, kiuj pretas observi la ĝishamburgan neŭtralecon de la Esperanto-movado, ni invitas vin al ĉeesto kaj kunlaboro.

Kun sinceraj salutoj.

(Günther Becker)
Honora Prezidanto

(Karl Burger)
Prezidanto

(R. Haupenthal)
Sekretario

## PROVIZORA PROGRAMO

A. *Prelegoj*

1. Günther BECKER, FRG: Rimedoj de lingvolernado.
2. André BOURDEAUX, Francujo: Modernaj principoj de informado.
3. D-ro Tazio CARLEVARO, Svislando: Psikologio de la Esperanto-movado.
4. D-ro Mario DAZZINI, Italujo: Lerneja instruado de Esperanto.
5. Reinhard HAUPENTHAL, FRG: Triŝtupa klerigado de la esperantistoj.
6. Prof. D-ro Ivo LAPENNA, Britujo: La monda lingvo-problemo kaj la rolo de la organizita Esperanto-movado.
7. Heinz Dieter MAAS: Nuna stato de maŝin-tradukado.
8. Prof. D-ro Max MANGOLD: Lingvistikaj konsideroj pri la facila lernebleco de Esperanto.
9. Helmut SONNABEND, FRG: La rolo de ILEI en la neŭtrala Esperanto-movado.
10. Jean THIERRY, Francujo: Efika memlernado de Esperanto.

11. Marianne VERMAAS, Nederlando: Administraj problemoj de la organizita Esperanto-movado.
12. N. N.: La graveco de objektiva informado de la Esperanto-gazetaro.
13. N. N.: Sciencaj esploroj kiel bazo por efika informado.

B. *Oficialaj aranĝoj*

1) Publika forumo (podia diskutado) en la universitato. 2) Gazetara konferenco. 3) Akcepto ĉe aŭtoritatoj. 4) Vizito de la komputera centro.

C. *Libertempa programo*

1) Tagekskurso al Trier (1975-08-15). 2) Rondveturo tra Saarbrücken. 3) Vizito al Homburg (bierfarejo kaj sabloŝtonaj kavernoj). 4) Katolika diservo.

Hispanaj interesiĝantoj petu la invitilon ĉe Inés GASTON, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

---

Al Redaktoro de "Esperanto" 9.03.1975
Rotterdam

Sinjoro redaktoro,

En la teksto "Preparoj por la nova Statuto de UEA", publikigita en la marta "Esperanto", du fojojn estas menciita mia nomo.

Estas vero, ke jam longe antaŭ la hamburgaj eventoj mi atentigis pri la neceso *plibonigi* kaj *pliprecizigi* kelkajn erojn en la nuna Statuto de UEA, sekve ankaŭ en diversaj regularoj. Miaj ideoj estas entenataj en Ĉap. 18, precipe 18.2.4 (demokrateco kaj memdisciplino) de la verko Esperanto en Perspektivo. La proponoj, prezentitaj en la "Preparoj por la nova Statuto de UEA", kiujn mi rigardas kiel grandan fuŝaĵon kaj el la jura-teknika vidpunkto kaj el vidpunkto de elementaj bezonoj de kultura, neŭtrala kaj demokrata internacia organizaĵo, kia devus esti UEA, havas nenion komunan kun miaj konceptoj pri plibonigoj de la nuna Statuto. Tial mi ne deziras, ke mia nomo estu en kiu ajn senco ligita kun la nunaj proponoj.

*Prof. D-ro Ivo Lapenna*

---

La 9-an de marto, Prof. D-ro Ivo Lapenna sendis la ĉi-supran leteron al la redaktoro de "Esperanto" por publikigo en la aprila numero de la revuo; ĉar ĝi ne aperis nek Prof. Lapenna ricevis ian ajn respondon de la redaktoro, volonte mi aperigas ĝin en BOLETIN por ke ĝiaj legantoj estu kiel eble plej bone informitaj.

*Red.*

---

## RESUMEN DE CUENTAS DE LA SECCION EDITORIAL DE F.E.E. - 1974

| | |
|---|---|
| Saldo a favor en 31 de diciembre de 1973 . | 5.521,50 pesetas |
| *INGRESOS* | |
| Por venta de material ... ... ... ... ... ... ... | 15.579,— " |
| | 21.100,50 " |
| *GASTOS* | |
| Material según nota presentada ... ... ... ... | 21.867,50 pesetas |
| Correo y transportes ... ... ... ... ... ... ... | 483,— " |
| | 22.350,50 " |
| *RESUMEN* | |
| Gastado ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 22.350,50 pesetas |
| Ingresado ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... | 21.100,50 " |
| *Saldo deudor* ... ... ... ... ... ... ... | 1.250,— " |

Zaragoza a 31 de diciembre de 1974.
*Inés Gastón*

# NEFERMITA LETERO

La Esperanto-Grupo "Stelo de Paco" sendis al BOLETIN la jenan leteron:

*«Barcelono, la 17an de marto de 1975. S-ro Domingo Martínez Benavente. Direktoro de BOLETIN de la Hispana Esperanto Federacio. Estimata samideano. Diversaj esperantistoj, membroj de Hispana Esperanto Federacio, rigardas konsternitaj la kampanjon iniciatitan sur la paĝoj de BOLETIN kontraŭ la nuna estraro de UEA, kiu estis elektita voĉdone sed ne pafile. Ni konsideras, ke tiu ĉi neoportuna kampanjo devas ĉesi, ĉar fakte, ĝi nur damaĝas la progreson de Esperanto. Ni ege malĝojos legante pliajn publikaĵojn pri tiu bedaŭrinda polemiko, kiu kondukas al nenio. Ni estas membroj de Esperanto Organizaĵoj, sed ne de iliaj estraroj. Ni multe dankas la laboron kiun faris la antaŭa UEA-estraro kaj precipe profesoro d-ro Ivo Lapenna pro lia impona laboro kaj senlaca aktivado unuecigante la movadon kaj prestiĝigante Esperanton ĉe ĉiaj instancoj. Ni, katalunaj, estis kontentaj kiam Hispana Esperanto Federacio loĝadis en Valencio, Zaragozo kaj nun en Madrido, ĉar ĉiuj laboris kaj laboras sindone por Esperanto samkiel la aktuala UEA-estraro. Ni, simplaj esperantistoj, ankaŭ iniciatis kampanjon, sed por fortikigi UEA-n, kolektante monon kun la celo helpi sanigi ĝiajn financojn. Kun elkoraj salutoj, Angela Asensio.»* Kaj 15 pliajn subskribojn.

Ni ne povas ne glosi ĉi tiun nefermitan leteron de (la) membroj de "Stelo de Paco":

1.° *Diversaj esperantistoj, membroj de Hispana Esperanto Federacio, rigardas konsternitaj la kampanjon iniciatitan sur la paĝoj de BOLETIN kontraŭ la nuna estraro de UEA.* Sed aliflanke, tre multaj esperantistoj, ankaŭ membroj de HEF, rigardas kun aplaŭdo kaj aprobo nian defendon de la perdita neŭtraleco de UEA.

2.° *La nuna estraro de UEA estis elektita voĉdone sed ne pafile.* Por ke demokratia elekto validu, ĝi devas esti rezulto de demokratia procedo komencinta de la bazo kaj fininta sur la pinto. En Hamburgo, tia procedo ne ekzistis, ĉar oni altrudis al la bazo de la orientaj landoj, decida pro ties nombro, unuaniman voĉdonon kontraŭ la neŭtrala politiko de UEA personigita de d-ro Ivo Lapenna. Ĉi tiu altrudo —se ne materiale, almenaŭ esence perpafila— estas fakto eĉ eksplicite konfesita de la komplotintoj mem.

3.° *Ni konsideras, ke ĉi tiu neoportuna kampanjo devas ĉesi, ĉar fakte ĝi nur damaĝas la progreson de Esperanto.* Sed multaj aliaj esperantistoj konsideras la kampanjon oportuna, ĉar ili estas konvinkitaj, ke UEA, sub la nuna estraro, kaj ĉefe sub la influo kaj la premo de ekster-estraraj reprezentantoj de antineŭtralaj ideologioj, iras sur la vojo al sia kolapso, jam manifestiĝanta, kaj al sia transformiĝo en obean kaj senvivan instrumenton de la diritaj ideologioj.

4.° *Ni ege malĝojos legante pliajn publikaĵojn pri tiu bedaŭrinda polemiko, kiu kondukas al nenio.* En BOLETIN aperas komentoj pri opinioj de amikoj, aŭ oponantoj, de la neŭtrala linio, aŭ komunikoj de privatuloj kaj organizaĵoj, kiuj devus aperi en la organo de UEA, se ĝi praktikus sian proklamatan liberecon de opinioj. Sed neniaokaze temas pri *bedaŭrindaj polemikoj*. Aliflanke, kiel menciite en la antaŭa punkto, granda nombro da esperantistoj subtenas nin en nia kampanjo, opiniante, ke ĝi defendas la superan principon de la neŭtraleco, sen kiu Esperanto perdus definitive sian ŝancon venki kiel *ĉies lingvo*. Oni ne forgesu, ke la plej reprezentaj, prestiĝaj kaj aktivaj figuroj de la Movado staras sur la flanko de la sendependa neŭtraleco, kaj konvenas emfazi ĉi tie, ke ili apartenas, *ne* al unu sola politika filozofio, sed al plej diversaj nuancoj de la politika spektro.

5.° *Ni estas membroj de Esperantaj organizaĵoj, sed ne de iliaj estraroj.* Kial do, je la diablo, vi rigardas konsternitaj la kampanjon kontraŭ la nuna *estraro* de UEA? (Punkto 1.°). Oni apartenas al ajna organizaĵo, ĉar oni simpatias kun ties principoj kaj celoj. Sed se ĝia nova estraro altrudiĝas per nere-

gulaj, arbitraj kaj diktatorecaj procedoj kaj krome ĝi pretas sekvi vojon kontraŭan al la proklamitaj principoj kaj celoj, tiam la simplaj membroj plu apartenas al la organizaĵo pro tri motivoj: pro pasiveco, pro nesufiĉa kono de la faktoj aŭ pro simpatio al la ŝanĝo de direkto de la nova estraro. Ĉiu membro de "Stelo de Paco" esploru, kiu el la tri motivoj movis lin subskribi la nefermitan leteron.

6.º *Ni multe dankas la laboron, kiun faris la antaŭa UEA-estraro kaj precipe profesoro d-ro Ivo Lapenna pro lia impona laboro kaj senlaca aktivado, unuecigante la movadon kaj prestiĝigante Esperanton en ĉiaj instancoj.* Tamen, laŭ nia scio, la membroj de "Stelo de Paco" neniam sendis ajnan nefermitan, aŭ fermitan, leteron, protestante kontraŭ la jarojn longa kampanjo lanĉita kontraŭ la "impona laboro" kaj la "senlaca aktivado" de d-ro Lapenna. Vi laŭdas *nun* la laboron de d-ro Lapenna, sed aliflanke protestas kontraŭ ni, kiuj defendas lian saman laboron!

7.º *Ni, simplaj esperantistoj, ankaŭ iniciatis kampanjon, sed por fortikigi UEA-n, kolektante monon kun la celo helpi sanigi ĝiajn financojn.* Same kiel al aktivuloj de Sabadell, ni deziras al vi rapidan kaj sukcesan monkolekton. Ĉiu faras per sia mono laŭ sia plaĉo.

*Red.*

---

## Ni kondolencas

Ni esprimas nian sinceran kondolencon al nia samideano Sro. Antonio Marco Botella pro la forpaso de lia patrino Srino. Antonia Botella Galiana, okazinta en Callosa de Segura, la 21an de marto 1975.

Ankaŭ ni esprimas sinceran kondolencon al nia samideano Sro. José Andrés Aldana pro la forpaso de lia frato Félix, okazinta en Pau (Francujo) la 15an de aprilo 1975.

---

## KOMUNA VOJAĜO AL ROMO KOINCIDE KUN LA 26ª IKUE-KONGRESO

7 - 19 aŭgusto 1975

Vojaĝo organizita de Hispana Turisma Esperanta Sekcio en kunlaboro kun la Delegacio de "Viajes MELIA" en Zaragoza.

Ni veturos per aŭtopullman kaj vaporŝipo "Canguro".

La vojaĝo daŭros de la 7-a ĝis la 19-a de aŭgusto, dum ĝi ni vizitos Genova, Pisa, Florencia, Roma, Nápoles kaj Livorno.

Loĝado kaj duonpensiono en hoteloj, kategorio 2 steloj.

Prezo po persono en dulita ĉambro kun banĉambro aŭ duŝo: 17.545,— pesetoj. La prezo estas kalkulita por grupo de minimume 30 personoj; se la nombro da partoprenantoj ne atingas tiun numero ni devos rekonsideri la prezon.

Informoj kaj aliĝoj en Hispana Turisma Esperanta Sekcio, ĉe Inés Gastón, P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha. ZARAGOZA.

---

## ESPERANTO EN LA SPORTO

La "Centro Natación Helios" de Zaragoza festas ĉijare la 50-an datrevenon de sia fondiĝo kaj, denove ĉijare, la esperantistoj de Zaragoza kontribuis al tiuj sportaj festoj per donaco de trofeo ESPERANTO.

La trofeo estis destinita kiel unua premio por internacia konkurso de "petanca" inter la teamoj de Klubo TOAC de Toulouse (Francujo) kaj C. N. HELIOS de Zaragoza.

Laŭ teamoj venkis kaj sekve ricevis la trofeon ESPERANTO, C. N. Helios, en kies vitrino vi povos ĝin admiri.

Donis la trofeon al la venkintoj S-ro Victor Ortiz Gratal, estrarano de H.E.F., de la Hispana Turisma Esperanta Sekcio kaj de "Frateco". La Prezidanto de C. N. Helios dankis al la esperantistoj ilian kontribuon por tiu internacia aranĝo.

# REVUO DE LA REVUOJ

En la antaŭa numero de BOLETIN (marto-aprilo 1975) kaj sub ĉi tiu sama rubriko ni skribis:

*«La esperantistoj vidas kaj sentas, ke oni ne diras al ili la tutan veron, ke oni preparas ion post la kulisoj, ke oni malespere klopodas trovi la manieron sukeri la pilolon de neneŭtrala neŭtraleco, por ke la membroj de UEA povu ĝin gluti.»*

Nu, ŝajnas, ke oni jam entreprenis la sukeradon de la pilolo, se juĝi la artikolon *Jura kontinueco de UEA (Preparoj por la nova statuto)*, verkitan de s-ro U. J. Moritz kaj aperintan en ESPERANTO de marto 1975. La artikolo diras interalie:

*«La celo de UEA restos la solvo de la monda lingvo-problemo per la zamenhofa lingvo Esperanto kaj la neniel ŝancelebla Fundamento, do la tuta agado de ĉi tiu universala organizaĵo estos, kompreneble, ankaŭ laŭ la nova projekto de la statuto, la neŭtraleco rilate kiujn ajn ideologiojn, rilate naciecon, rason, religion, politikajn kaj sociajn problemojn, kun la sola escepto, ke ĝi ne povas esti neŭtrala rilate la lingvan problemon, kiu ja estas samtempe politika kaj socia problemo. Laŭ la nova projekto, respekto al la homaj rajtoj, formulita en la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj, estas por la laboro de UEA esenca kondiĉo.»*

Ne malmultaj esperantistoj certe miros, ke ĉi tion skribis s-ro Moritz, konata ĝis nun ĉefe pro siaj publikaj intervenoj kontraŭ la sendependa neŭtraleco de UEA en ties universalaj kongresoj. Sed tial, ke "lupo ŝanĝas la harojn, sed ne la farojn", kaj ke la komplotintoj de Hamburgo insistis, kaj atingis, ke s-ro Moritz sidu en la Komitato malgraŭ sia konata neneŭtraleco, ni devas logike pensi, ke ĉi alineo de s-ro Moritz estas speco de enkonduko de la mistera *nova filozofio kaj lingvo-politiko de UEA*, anoncita de HEROLDO DE ESPERANTO en oktobro de 1974, kaj de tiam tute ne menciita, demente aŭ konfirme, de la estraro de UEA, kio ŝajnas indiki, ke la membroj de la Asocio ricevos ties novan filozofion ne per klara, sincera kaj honesta proklamo de la respondeculoj, sed sub la formo de amara pilolo konvene sukerita per retorikaj tekstoj intence konfuzaj kaj elaste interpreteblaj.

Se juĝi lian konatan pozicion kontraŭ la neutraleco, kiam s-ro Moritz asertas, ke *"ĝi [UEA] ne povas esti neŭtrala rilate la lingvan problemon, kiu ja estas samtempe politika kaj socia problemo"* sendube li aludas, ne al la ĝenerala lingvo-problemo, kies solvon ni vidas en la alpreno de Esperanto, sed al la lingva diskriminacio, kiun, laŭ s-ro Moritz, suferas nombro da etnaj minoritatoj en pluraj landoj de okcidenta Europo. Puŝi UEA-n aktive interveni en ĉi tiu ekstreme delikata tereno estus akceli la ĝisradikan detruon de la Asocio, tial, ke ĝi kompromitus sin per bataloj esence politikaj kaj venus en konflikton kontraŭ la registaroj kaj kontraŭ tre gravaj sektoroj de opinio de okcidenta Eŭropo.

Estas la rajto de s-ro Moritz paroli kontraŭ la lingva diskriminacio de la etnaj minoritatoj, defendi aŭ ataki ion ajn en la mondo; sed, se oni partoprenas aktive en politika konflikto —kaj sub la tiel nomata lingva diskriminacio de la etnaj minoritatoj kuŝas plej eksplodema politiko— oni partoprenu en propra nomo aŭ en la nomo de asocio de difinita karaktero socia aŭ politika. Tamen, se oni deziras, ke UEA engaĝu sin en ĉi-specaj aktivadoj, la estraro kaj la komitato de la Asocio devus almenaŭ havi la kuraĝon senkaŝe diri la veron al siaj membroj, anstataŭ ĵongli per vortoj. UEA sekvu la vojon klare kaj energie montritan de la orientaj organizaĵoj, aŭ faru senkompromisan anoncon, ke ĝi absolute ne akceptas iliajn postulojn kaj plu tenas sin en la linio de la sendependa neŭtraleco. Efektive, oni ne povas samtempe oferi unu kandelon al Dio kaj alian al la diablo. La membroj de UEA, kiuj pagas kaj subtenas la Asocion, rajtas scii, per solena, klara kaj definitiva deklaro de principoj fare de UEA, kion ili vere pagas kaj kion ili vere subtenas.

S-ro Moritz aldonas:

*«Laŭ la nuna projekto, respekto de la homaj rajtoj formulitaj en la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj estas por la laboro de UEA esenca kondiĉo.»*

Per tio, s-ro Moritz kompletigas la sukeradon de la pilolo, kaj UEA disponas

du argumentojn por konduti neneŭtrale sub ŝajno de neŭtraleco. En okazo de politika atako aŭ kritiko fare de UEA kontraŭ ŝtatoj de okcidenta Eŭropo, ĝi diros:

*«Temas pri lingva problemo —lingva diskriminacio de etnaj minoritatoj— kiu ja estas samtempe politika kaj socia. Do ni devas interveni.»*

Por eviti al si manifesti sian proteston kontraŭ malobservoj kaj rompoj de la homaj rajtoj en aliaj landoj de Eŭropo, UEA diros:

*«Ni devas teni nin aparte; ni estas neŭtralaj rilate kiujn ajn ideologiojn.»*

Oni povus obĵeti, ke ni bazas nian argumentadon sur supozoj; ke la komentita teksto estas parto de nur propono, ne de sankciita principo; ke, malgraŭ ĉio, s-ro Moritz eble parolas pri la lingva problemo nur en la sama senco, kiel d-ro Lapenna plurfoje parolis pri ĝi. Sed permesu min repliki, ke, se konsideri la antecedentojn de s-ro Moritz, kaj la fakton, ke li estas sufiĉe bona esperantisto por esprimi ĝuste kion li intencas diri, mi pensas, ke, se li volus ludi sen kaŝi paron da kartoj sub la maniko, li devus skribi:

*«...kun la sola escepto, ke ĝi [UEA] ne povas esti neŭtrala rilate la diskriminacion kontraŭ Esperanto.»*

Tio vidiĝus absolute klara kaj meritus nian senkondiĉan aprobon. Sed montri sin samtempe neŭtrala kaj neneŭtrala, samtempe kritikanto kaj ne kritikanto de sociaj kaj politikaj problemoj egalas, unuvorte, al la formulado de la neneŭtrala neŭtraleco, t. e. de la nova filozofio kaj lingvo politiko de UEA, kiu, laŭ ĉiuj simptomoj, konsistas en tio, klopodi vendi al la esperantistoj viandon katan, deklarante ĝin lepora.

—oOo—

Ne strange do, ke la fidindecon de UEA oni taksas kiel varon preskaŭ senvaloran; tio montriĝas, por ekzemplo, en FRANCA ESPERANTISTO (marto 1975) kie, en propono de la konsilio de UFE (Unuiĝo Franca por Esperanto) legiĝas la jeno:

*«...UFE postulas de siaj delegitoj kaj komitatanoj la plej grandan atenton pri la konservado de nepra neŭtraleco en UEA.»*

Espereble la UFE-anoj, kies asocio forte skuiĝas ankoraŭ sub la sekvoj de la puĉo de Hamburgo, ne glutos la pilolon febre preparatan en la apoteko de UEA.

—oOo—

En la bulteno NOTICIAS DEL ESPERANTO, eldonata de la Urugvaja Esperanto-Societo, publikiĝas (n.° 55-56, marto-aprilo 1975) la jena noto:

*«Kiel sciate, Urugvaja Esperanto-Societo eksiĝis el UEA sekve de la gravaj okazintaĵoj en la Movado en Eŭropo, kiuj apartigis UEA-n el neŭtrala bazo. Nia Societo, ĝuante juran personecon, ne povas ne agi konforme al la artikolo 4a de sia statuto: 'la Societo estas absolute neŭtrala rilate al raso, religio kaj politiko'.»*

Gratulojn al la Urugvaja Esperanto-Societo pro ties konsekvenca decido, dum ni memoras ankoraŭfoje la optimismajn, kaj veramajn, vortojn de la sinjoro redaktoro de ESPERANTO: «*Organiza krizo ne ekzistas en UEA*» (n.° 827, novembro 1974).

—oOo—

HEJS, bulteno de la Junulara Sekcio de Hispana Esperanto-Federacio, montras konsiderindan pliboniĝon lingvan, teman kaj aspektan sub la redakto de Miguel Altuna. La lasta numero de HEJS (marto-aprilo 1975) prezentas en siaj 16 paĝoj nombron da interesaj kontribuaĵoj de, interalie, Montserrat Cañellas, Juan Azcuénaga, Miguel G. Aduriz kaj Miguel Altuna mem. La entuziasmo kaj fervoro de ĉi tiuj gejunuloj plene meritas la atenton, la subtenon kaj la stimulon de la Hispana Esperanto-Federacio, kaj pli intiman kaj seriozan kunlaboron inter la maturaj kaj la junaj esperantistoj, senrigarde al eventualaj politikaj diferencoj, kiel garantion de plifirmigo kaj progresigo de nia komuna afero.

Ĝis la proksima revu-rikolto, vin kore salutas,

*Fernando de Diego*

## *Ni legis por vi...*

*Esperanto en perspektivo. Faktoj kaj analizoj pri la Internacia Lingvo,* de IVO LAPENNA (ĉefaŭtoro kaj -redaktoro), ULRICH LINS (redaktoro kaj kunaŭtoro) kaj TAZIO CARLEVARO (kunaŭtoro). — Kunredaktis VICTOR SADLER (eldonaj teĥnikaĵoj), SIMO MILOJEVIC (ilustraĵoj) kaj HENRI VATRÉ (indeksoj kaj senerarigo). — Londono kaj Roterdamo, UEA (Centro de Esploro kaj Dokumentado pri la Monda Lingvo-Problemo), 1974. — 14,5 × 20 cm. — 876 pĝ. — Bind. — Prezo: 84. — guld.

Mi estis invitita kontribui al la recenzo pri *EenP*, kiu aperis en la februara kajero de la revuo "Esperanto"; sed unue pro profesiaj devoj (la duan duonon de decembro kaj la unuan duonon de januaro mi pasigis en Madrido) kaj poste pro malsano, kiu jungis min al lito preskaŭ 1 ½ monatojn kaj ankoraŭ ne definitive forpasis, kiam mi tajpas ĉi tiujn liniojn, mi ne povis plenumi mian vorton al la redakcio de "Esperanto". Nun, dank' al la komprenemo de la redakcio de "Boletín", mi volas surpaperigi miajn impresojn pri tiu monumenta verkego, ĉefe en konekso kun la branĉo al mi pli proksima, nome la literaturo, sed ankaŭ kun impresoj pri la aliaj partoj.

La unua postlega impreso estas de miro kaj admiro kaj sekve de granda danko al Prof. Lapenna, kiu konceptis, organizis kaj plenumis tiel gigantan laboron, prenante por si, kiel kutime ĉe li, la leonan parton de la fiksita taskaro. Lia sagaco elekti kiel redaktoron S-ron Ulrich Lins kaj kiel ĉefkunlaboranton S-ron Tazio Carlevaro, kaj lasi la teĥnikan flankon de la redaktado al S-ro Victor Sadler, la prizorgon de la ilustraĵoj al S-ro Simo Milojevic kaj la gravegan indeksan taskon al S-ro Henri Vatré montriĝis vere trafa. Kaj tiel, dank' al ĉies kunhelpo, jen ni havas nian ĝisdatigitan, plej fidinde kompletan informaron pri nia Movado.

Koncerne la literaturon, tiun parton, kiun mi devintus kunrecenzi por "Esperanto", mi devas diri, ke antaŭ tiu kolosa laboro mi estas senigita de kritika kapablo. Pensu nur, ke temas pri ordigo de diversaj periodoj, specoj, skoloj, naciaj lingvoj el kiuj fontas tradukoj, individue gravaj aŭtoroj, unuope signifaj verkoj ktp. Kaj el inter tiuj branĉoj, pensu nur pri la specoj: antologioj, dramo, eseo, gazetartikoloj, komedio, leteroj, liriko, novelo, poemoj, recenzoj, romano, satiro, teatro, tragedio! Aldone konsideru, ke la tuto estas dividita en tri periodoj (ĉefe kun propedeŭtika aŭ didaktika celo), kaj ke geografie kaj kronologie temas pri multaj skoloj, nome poeziaj, prozaj, slava, norda, franca, budapeŝta, soveta, proleta, japana, socialista, skota, ĉeĥoslovaka, itala, jugoslavia, angla ktp. Se mi aldonas, ke la takso pri la valoroj de la verkoj laŭ mia kompreno estas ĝenerale korekta, plurloke sagace nova, eĉ penetre surpriza, mi povas doni al vi nur tre palan bildon pri la laborego de S-ro Carlevaro kaj kunredaktoroj antaŭ la pluraj centoj da titoloj, kiuj aperis dum preskaŭ 90 jaroj kaj en tiom da landoj. Temas, mi ripetas, pri eksterordinare ampleksega tasko, kiun la juna Carlevaro meritplene plenumis kaj antaŭ kiu la leganto povas senti nur profundan dankon kaj sinceran admiron. Kalkulu nur, ke el 2.700 nomoj de la persona indekso, la duono rilatas al literaturo, kaj ke el 700 eroj de la temindekso, 110 koncernas literaturon. Ke Auld, Conterno, Gregor, Miyamoto, Ragnarsson, Thorsen kaj aliaj kunhelpis S-ron Carlevaro, nu, tio nenion deprenas el lia redakta merito, same kiel nenion deprenas el la valoro de la ĉap. 11, redaktita de Prof. Lapenna, ke al ĝi kontribuis E. Lapenna kaj Tiŝljar.

Eĉ riskante malkonsentojn, mi povas diri, ke el la tuta libro, la parto, kiu min pleje impresis, estas tiu verkita de U. Lins kun la denuncoj pri la persekutoj kontraŭ esperanto; dualoke al mi interesis la priliteratura parto de la verko. Sed ĉiuj partoj estas iel unike interesaj, pro la vasto de la informiteco, pro la severa kontrolado de la faktoj, fontoj, bibliografiaj indikoj ktp. Tiu ĝusteco kaj kompleteco ŝuldiĝas plejparte al la scienca laboro, plenumita kun faka kompetento, granda amo kaj celkonscio de Prof. Lapenna kaj liaj kunlaborantoj per CED, instituto, kiun Prof. Lapenna starigis komence de 1952 kaj honorofice gvidis ĝis fino de 1974. Tie ĉi ne estas preterlasinde mencii la jam vastan laboron, kiun U. Lins kaj R. Haupenthal plenumis por nova eldono de la *Enciklopedio de Esperanto,* kaj kiun ambaŭ redaktoroj disponigis al *EenP* tra diversaj kanaloj.

Kompreneble, en tiel senprecedenca entrepreno povas okazi preterlasoj, forgesoj, mistaksoj, kaj estus sendan-

kemo antaŭ la giganta laboro plenumita de la tuta verk- kaj redaktokolektivo elpinĉi kaj montri bagatelaĵojn. Tamen, pensante jam pri estonta dua eldono (oni diras, ke tiaj enciklopediecaj verkoj vere bonas ekde de la 2.ª eldono!), jen mi kuraĝas fari kelkajn indikojn:

1.ª La Laboro de S-ro Henri Vatré estas tiel kernece valora, ke, laŭ mia kompreno, li nepre meritas pli ol simplan mencion sur la pĝ VI, interne de la *Nomaro de kunlaborintoj.* Tie ĉi temas pri mistakso de gravega laboro, sen konsidero pri tio, ke H. Vatré tre kompetente kunhelpis la senerarigon de la presprovaĵoj, kiel estas sampaĝe indikite; li do meritintus aperi ĉe la Redakcio (pĝ IV).

2.ª Ŝajnas al mi, ke la pritakso de J. Mangada Rosenörn estas iom indulgeme favora; same kiel la indiko (pĝ 214), ke la traduko pretigita de la ruso K. Gusev je kelkaj pecoj de F. García Lorca estas "epokfara verko", dum la vere epokfara traduko, kiun realigis F. de Diego, estas nur "rimarkinda" por la kompilinto. Ĉu eble la fakto, ke same Mangada kiel Gusev rolis en la marksisma tendaro iel favore influis tiujn indulgemajn mistaksojn?

3.ª Iam mi legis, ke hindaj artistoj intence lasas mankojn en siaj artverkoj, ĉar nur la dioj agas perfekte. Eble tial oni (ĉu intence?) forgesis listigi kelkajn tradukitajn librojn pli ol 100-paĝajn, ekz-e Oppenheim (el la angla), *Riĉa kaj sen mono* (222 pĝ) kaj *La ora ŝtuparo* (278 pĝ), Ivans (el la nederlanda) *La viro el Francujo* (244 pĝ) ktp: mi opinias, ke ĉi tiuj kaj aliaj mankantaj eroj neniel estas sub la nivelo de aliaj registritaj (kelkaj eĉ pli ol unufoje cititaj!). Ankaŭ en aliaj branĉoj similaj mankoj aperas: oni vane serĉos la libron de Hans Koch, *La esperantisto en Germanio, gvidlibro tra la germana lingvo* (184 pĝ) ktp. Same oni vane serĉos la majstran tradukinton de la biografio *Vivo de Arnaldo* de B. Mussolini, ktp.

4.ª En la libro estas retorikaĵoj, kiuj apenaŭ estas pravigeblaj en tia kadro; ankaŭ estas asertoj, pri kies ĝusteco povas leviĝi duboj (ekz-e, pĝ 710: en Córdoba, en 1936, lokaj esperantistoj, jes, estis mortpafitaj; sed ke la tuta membraro de la tiea Esperanto-Grupo estis tiel dole mortigita pro *nura* esperantisteco, nu, tio estas aserto, kiun, malgraŭ plurfoja enketado, mi ankoraŭ ne sukcesis nekontesteble klarigi); ne mankas en la verko dezirataj esperoj montritaj kiel absolutaj veraĵoj, supertaksoj de la efektiva gravo de nia Movado el realisme socia vidpunkto, eĉ se el teoria deirejo ili povas aperi plej interesaj; la signifo kaj rolo de la Akademio de Esperanto ne estas klare montrita; kaj ĉar mi kutimiĝis al manipulado de Lingvistika terminologio, mi bedaŭras, ke en la ĉap. 2 Prof. Lapenna ne akomodis sian prezenton laŭ nuntempaj lingvistikaj fokusigoj, kiel brile faris, ekz-e, Pierre Janton en sia libro *L'espéranto* (cetere nur pretere citita en la *Ĝenerala Bibliografio*, pĝ 803, sen indiko de ĝia gravo).

5.ª Mi estas konvinkita, ke multaj plendos —kaj certe ne malprave— pri tio, ke estas frapanta misproporcio inter la spacoj dediĉitaj al la neŭtrala kaj al la laborista Movado; espereble en post ne multaj jaroj realigota dua eldono la laborista Movado povos esti nepre pli vaste esplorita kaj prezentita.

Eble tiuj kvin riproĉetopunktoj —inter pluraj aliaj ne malpli interesaj— povos al iuj ŝajni troaĵoj de harfendemulo, sed almenaŭ ili pruvas kun kiom da intereso mi legis la verkegon. Kontraŭe, mi povas senrezerve aserti, ke se temus pri laŭdo de ĉio, kio estas laŭdinda en tiu librego, mi devus verki dekoble pli ampleksan raporton, sen eĉ plej eta espero elĉerpi la temon. En la fino mi diru, ke antaŭ tiel giganta laboro, mi sentas min mire kaj admire etigita; se genion oni povas detekti laŭ koncept-, labor- kaj plenumkapablo, certe Prof. Lapenna estas la plej genia realiganto, post Zamenhof, de la noblaj celoj de nia Movado, kaj al li kaj al liaj kunlaborantoj iras mia plej profunda danko por tiel bone kaj bele farita laboro.

J. RÉGULO

RÓMULO GALLEGOS: *Doña Bárbara.* — El la hispana tradukita de FERNANDO DE DIEGO. — Caracas, Venezuela Esperanto-Asocio, 1975. — 15,5 × 21 cm. 264 paĝoj. — Prezo: 300 pesetoj aŭ egalvaloro en aliaj valutoj [Presita ĉe Tip. C. Boloix, Zaragoza, ISBN 84-399-2885-8].

Ĉe la sojlo de tiu ĉi nova librotraduko de Fernando de Diego, en la *Enkonduko* de la tradukinto oni povas legi jenan difinon pri Latin-Ameriko, citītan el la venezuela eseisto Mariano Picón Salas:

«Ameriko estas la kontinento de la mistero. Preter la kulturaj aŭ politikaj

strukturoj importitaj, pulsas en nia ekzistado —kontraste kun la pli klara kaj rafinita vivo de Eŭropo— psikologia enigmo, kie sidas samtempe nia dramo, nia espero kaj nia fasciniĝo. Ni ne estas absolute civilizitaj, en la Spenglera senco, ĉar subite violentaj impulsoj de la instinkto trapasas la sojlon de nia kolektiva vivo kaj donas al la fluo de la ekzisto ian surprizan karakteron, ian neatenditan patoson. En nia subkonscio akumuliĝas la konvulsioj de rasoj ne bone kunfandiĝintaj, la praaj krioj de diversaj homaj grupoj, l' o primitiva luktanta kontraŭ l' o rafinita, la implikiĝo de miksitaj kulturoj, kaj tiam, subite, la ekspansiaj premoj plutonaj rompas deinterne la feblan sedimentiĝon de artefaritaj strukturoj, kaj ni konstatas, ke ni endormiĝis ĝuste super tumulta mistero. Tiel do nia vivo estas instinkto, dum la vivo en Eŭropo povas esti inteligento. Kaj dum la leĝistoj kaj juristoj volas submeti nin al la logiko, la mistero kaj la neantaŭvideblaj latentoj de Ameriko eruptas kuntrenante la digojn de ĉia konstruo racionala.»

Apenaŭ oni povus pli ĝismedole skizi la esencon de *Doña Bárbara*, kaj tiel espereble oni senkulpigos min pro tiel longa citaĵo. Nu, dum mi relegis la romanon —kompreneble la hispanlingvan originalon mi konas jam de longe, kaj fojfoje mi eĉ uzis ĝian tekston por profesie elpluki hispanajn pradialektismojn, kiuj, mortintaj en la kontinenta Hispanujo kaj en la komunuza normlingvo, pluvivas en Kanariaj Insuloj kaj en Ameriko—; dum mi relegis la romanon en ĝia nova majstre tajlita lingvovesto, agorde kun tiu difino de Picón Salas leviĝis en mia menso konsiderado pri tiuj homaj tradicioj, kiujn oni etikedas hermetikaj kaj konas sub la nomoj de *mistika, magia, mita* k.s. pensmanieroj. Kredi, ke ĉiuj intelektaj penoj de la homoj ne estis aliaĵo ol streĉa kaj blinda preparado por veno al la nun konata kaj morgaŭ perfektigota empiria kaj matematika sciado, kaj ke sekve ni devas formeti ĉiajn ritajn inicojn, aŭ ĉion, kio ne laŭas la sciencajn ŝablonojn, modelojn aŭ normojn, kaj tial fordeklari senutilaj aŭ iluziaj la hermetajn pensmanierojn (= mitojn, mistikojn, magiojn, kabalojn k.s.) — nu, tio estas ja definitiva pruvo pri la radikala senkultureco, kiun la teĥniko trudas al siaj sklavoj. Nenio pli malproksima de la *saĝeco* —en la plej profunda kaj vera senco de tiu vorto— ol tiuj mensoj, kiuj sin pretendas solide sciencaj kaj kiuj fakte estas nur instrumentecaj. Tial legado de libroj kiel *Doña Bárbara, Cien años de soledad* kaj aliaj, kiuj priskribas la *homan realon* laŭ la sama linio, estas kunhelpi fleksebligi intelektojn tro enreligitajn laŭ unuflankaj vojoj de rezonado. En tia senco ni troviĝas antaŭ nova renesanco, al kiu ne estis fremdaj Spinoza, Boheme, Leibnitz, Hegel ktp. Mi do povas aperte proklami mian ŝaton je tiu nova vojo al pli universala gnozo, kiun praktikas Rómulo Gallegos, García Márquez kaj aliaj nuntempaj artrakontistoj.

Tio pri la verko. Sed kion diri pri la traduko? Fernando de Diego jam plurfoje montris sin aplaŭdindulo de la tradukarto, same en poezio kiel en prozo, laste en *La arbo de la sciado* de *Baroja*, ĉie laŭde akceptita rilate la lingvaĵon. Sed en la nuna libro Fernando de Diego, en intima simbiozo kun la medio priskribita en *Doña Bárbara*, rekreis en esperanto beletran verkon, tra ĝiskerna studado de la stilo de Rómulo Gallegos kaj samtempe sin apogante sur specialigita kono de la komplekso de sugestaj povoj, kiujn esperanto fiksis por ĉiu idiotisma esprimo akompananta la signifon. Ne malofte Fernando de Diego iniciatis novajn formulojn de transponado laŭ virtuozismo de suverena verkisto. Fernando de Diego manipulis la lingvajn signojn de esperanto kiel artisto, kiu profunde konas la lingvon kaj ĝiajn interkomunikajn kapablojn. Per riĉa vorttrezoro, sed per ne malpli riĉa frazeologio, Fernando de Diego montras al ni kiel logikaj kaj afekciaj valoroj de lingvo estas nedesigeblaj kaj same kunflue helpas al la kreiĝo de sensaj bildoj kaj leksikonigitaj metaforoj. Fernando de Diego atingis la plej altan rangon de nia arta prozo kaj riĉigis nian lingvon per libro, kies ĝuado en esperanto ne estas sub tiu de la legado en la hispanlingva originalo, kaj kelkloke, eĉ por homoj, kiuj, kiel mi, fake okupiĝis pri la hispana lingvo kaj pri esperanto, la estetika ĝuo estas pli diafana kaj senpena en la tradukita teksto, ol en la originala, dank' al la bravura manipulado de la latentaĵoj de esperanto kaj al la suverena agordado de ĉi ties esprimrimedoj. Ekde nun ni devas konsideri Fernandon de Diego unu el la pintaj klasikuloj de esperanto kiel artlingvo, kaj mi estas aparte feliĉa tion povi entuziasme proklami.

J. Régulo

## *XXXª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO*

Organizita de H.E.F., okazonta en Lérida de la 18ª ĝis la 22ª de julio 1975
Adreso de la Organiza Komitato:
Apartado 88 - Lérida

AKCEPTEJO KAJ KONGRESEJO: Instituto de Ilerdensaj Studoj.

PROVIZORA PROGRAMO

SOLENAJ MALFERMO KAJ FERMO DE LA KONGRESO.

MESO EN ESPERANTO.

EKZAMENOJ.

LABORKUNSIDOJ. — Krom la Ĝenerala Kunveno de H.E.F., okazos Laborkunsidoj de la estraro de H.E.F. kun delegitoj de Grupoj kaj Sekcioj, kaj Fakaj Kunvenoj.

PRELEGOJ. — En Esperanto prelegos la konata poeto Gabriel Mora i Arana pri la temo, "Poetoj kaj artistoj en Lérida". En hispana lingvo ne estas ankoraŭ decidite.

ORATORA KONKURSO. — Organizita de Fundación ESPERANTO.

AKCEPTO. — Estas antaŭvidita Oficiala Akcepto en la Urbodomo kaj Inaŭguro de strato ESPERANTO.

JUNULARA BALO.

EKSKURSO KAJ VIZITOJ. — La tuttaga ekskurso okazos al la mondkonata Valo de Arán. Vizito estas planita al la bierfabriko "San Miguel".

---

Frua aliĝo al la Kongreso signifas helpi la laboron de la Organiza Komitato. Ne prokrastu vian aliĝon. Dankon!

---

## *60ª UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO*

Okazonta en Kopenhago (Frederiksberg) Danlando
de la 26ª de julio ĝis la 2ª de aŭgusto 1975

Informoj riceveblaj ĉe la konstanta adreso de la Kongreso: Nieuwe Binnenweg 176, Rotterdam - 3002 Nederlando.

Estas dissendita la Dua Oficiala Bulteno de la Kongreso, belaspekta 32-paĝa ilustrita kajero kun interesaj informoj.

Statistiko: (ĝis la fino de februaro).

Entute 764 aliĝintoj el 42 landoj. (Hispanoj 12).

---

## *INTERNACIA LIGO DE ESPERANTAJ INSTRUISTOJ (I.L.E.I.)*

INTERNACIA KONFERENCO

Okazonta en Humlebek, Danlando de la 18-a ĝis la 25-a de julio 1975

La Internacia Konferenco organizita de I.L.E.I. okazos en Altlernejo KROGERUP en DK-3050 Humlebek, Danlando.

Hispanaj interesiĝantoj povas peti aliĝilojn kaj bultenon kun programo kaj interesaj informoj, ĉe Inés GASTÓN, P.º Marina Moreno, 35, 4.º, Zaragoza. Ĉiu interesato (ne nur instruistoj) estas bonvena.

Aliĝo kaj pago al: Internacia Konferenco de I.L.E.I. 1975, Bel Colle Allé 4 DK-2960 Rungsted Kyst. Dana poŝtĝira konto 4.27.46.44.

---

TIP C. BOLOIX - REINA FABIOLA, 7 - ZARAGOZA

D. L. Z. - 375 - 63